

# Esperanto Hamburg

Hamburga Esperanto-Societo r. a.
Esperanto-Verein Hamburg e.V.

Januaro/Februaro/Marto (1) 2009

# La plej alta levebla ponto en la mondo

Kattwykbrücke en Hamburg

Foto: Albert Eitner

**ESPERANTO HAMBURG** ehh

**Eldonanto:** Hamburga Esperanto-Societo r. a.

Poŝta adreso:
Klaus-Groth-Str.95
D-20535 Hamburg
Tel: 0160 / 17 33 980
Konto: GLS-Bank
n-ro: 200 6716 500
BLZ 430 609 67

**Prezidantino:**
*Kerstin Baasch*
Scharpenmoor 74 e
22848 Norderstedt
baasch@esperanto-hamburg.de

**Redaktoro:**
*Benno Klehr*
Winterhuder Weg 32
22085 Hamburg
Tel: (040) 43188347
klehr@esperanto-hamburg.de

**Interreta prezento:**
*Frank Merla*
www.esperanto-hamburg.de
merla@esperanto-hamburg.de

## Karaj legantoj,

jen la nova informilo! En presita formo oni legas ĝin kiel kalendaron kaj sur la ekrano la formato pli bone taŭgas ol antaŭe. Mi longe serĉis por trovi solvon, kvazaŭ spagaton inter presita informilo kaj interrete taŭga formato. Mi memoris pri la ĉefo de la brita opozicio, *David Cameron*, kiu riproĉis al ĉefministro *Tony Blair,* ke li estas *analoga* politikisto en *diĝita erao*. Mi ankaŭ estas analoga homo kaj klopodas la *spagaton,* samtempe esti taŭga por la komputila tempo, ĉar mi volas fari la informilon kontentiga por ĉiuj legantoj, ĉu ili preferas presitan aŭ ekranan formon respektive.

Kiel mi promesis, en tiu ĉi eldono aperas tute nova krucvortenigmo. Plej multajn artikolojn mi mem verkas ĉar mi ne ricevas kontribuojn de aliaj klubanoj. Do ek, klubanoj sendu al mi artikolojn pri Esperantaj temoj aŭ pri Hamburg.
Mi ĉiam ĝojas pri reagoj de legantoj, ankaŭ pri kritiko. Homoj eraras.
Ankaŭ mi faras lingvajn erarojn. Mi ne estas ĉion-scia. Ekzistas homoj kiuj lernas el eraroj, venontfoje pli bone fari la **saman** eraron...

**Mi deziras al vi bonan novan jaron!**

*Benno Klehr*

## Sentenco

Ĉiuj homoj
estas eksterlandanoj
– preskaŭ ĉie ajn.

Germana slogano
kontraŭ ksenofobio

**Redaktofino**
**de n-ro 2/2009:**
**15-03-09**

La kunvenoj de
**Hamburga Esperanto-Societo**
okazas en la *Kultur-Butiko*
**Alexanderstr. 16 • 20099 Hamburg**



Rethebrücke

## Moveblaj pontoj

En Hamburg ekzistas pli ol dek moveblaj pontoj. La plej alta estas Kattwykbrücke kiu malfermiĝas ĝis 54 metroj kaj havas longecon de 270 metroj. Krome ekzistas alia levebla ponto Rethebrücke, kiu povas malfermiĝi ĝis 53 metroj – alta kiel Köhlbrandbrücke.
Aliaj pontoj estas klapeblaj aŭ turneblaj.
Kelkajn klap-pontojn vi vidas sur la fotoj sube.
Turneblaj pontoj estas kaŝemaj: oni ne vidas ke ili estas moveblaj. En la urbocentro multaj aŭtoj jam pasis la Ericus-ponton sen konstati ke ĝi estas turnebla.
Ankaŭ la malgranda Sandtorhafenbrücke (sube) ofte ne estas rekonata kiel klapebla.



Reiherstieg-Klappbrücke



Lotsebrücke



Sandtorhafenbrücke

# Zamenhoffesto 2008 de Hamburga Esperanto-Societo

***Nordgermana Televido* (NDR) filmas dum Zamenhoffesto! Kia sensacio por la klubo!** *Sandra Samec* kun tri-vira ekipo faris mallongan filmon pri Esperanto en norda Germanio, kiu estis elsendita fine de Decembro. Post la filmado kompreneble okazis nia normala Zamenhof-festa programo: Alvaro kantis kun siaj filoj, Peggy legis historieton, Sylvia informis pri la venonta UK en Białystok, Vesna prelegis pri la historio de Hamburga Esperanto-Societo, Ralph kaj gastoj kantis, Benno prezentis la "Munkenanon en la ĉielo" en Esperanto.



**Junaj homoj parolantaj Esperanton**



**Ĵurnalistino, prezidantino, vicprezidanto**



**Vesna prelegas antaŭ 30 gastoj**



**Alvaro kaj liaj filoj kantas**



**Intervjuo kun gejunuloj (en la fono)**



**Peggy legas**



**Sylwia informas**

## 2485 pontoj en Hamburg

Se mi kredus ĉion kion mi trovas en interreto, mi skribus ke en Hamburg nur estas 418 pontoj dum en la pli granda Berlin estas 2048. Sed mi elektas la fonton de miaj informoj laŭ kredindeco; ĉu tiu de kiu venas tiu informo estas fidinda. Laŭ ***Hamburger Abendblatt*** estas 2485 pontoj, el kiuj 117 troviĝas en la haveno.



La plej fama estas la *Köhlbrandbrücke (supre)* pro la alteco de 53 metroj super ternivelo – kaj pro ĝia impona aspekto.
Hamburg estas en Eŭropo la urbo kun la plej multaj pontoj kaj mondvaste la urbo kun la plej alta levebla ponto.



En Hamburg ekzistas multaj tre belaj pontoj sed la plej ŝatata estas la *Lombardsbrücke* (supre), de kiu oni havas belan rigardon al urbocentro kaj urbodomo. La plej grava ponto en Hamburg estas *Neue Elbbrücke*, kiu ligas la nordan kaj la sudan parton de la urbo. (sube)



**Invito al Jarĉefkunveno de Hamburga Esperanto-Societo r.a.**

## Einladung zur Jahreshauptversammlung
### des Esperanto-Vereins Hamburg e.V.
### 12.02.2009 • 19.30h
### Kulturladen St. Georg
### Alexanderstr. 16 • 22099 Hamburg

## Filmo pri Bona Espero

Roman Dobrzyński, en Esperantujo konata reĝisoro de filmoj, i.a. pri Zamenhof, dum la klubvespero de HES la 27an de Novembro 2008 prezentis sian filmon pri la Esperantista farmo/lernejo Bona Espero. La filmo montras la unikan lokon kaj ties enloĝantojn. Konante la lokon dum 25 jaroj Dobrzyński ankaŭ verkis libron pri tiu temo:
***Bona Espero - idealo kaj realo***, kiu estis prezentita dum la UK 2008 en Rotterdam.



**Roman Dobrzyński**

## Hamburg-Enigmo

Inter la fotoj de moveblaj pontoj troviĝas la *Sandtorhafenbrücke*. En la bildo oni vidas grandan konstruaĵon en la fono, kiu havas specialan signifon por la urbo Hamburg.
Kiu grava konstruaĵo estas tiu brika koloso?

## Mitgliedsbeiträge für 2009 (kotizoj)

Karaj membroj, es ist wieder soweit, der HES-Kassierer sieht mit Freude der pünktlichen Bezahlung der Mitgliedsbeiträge entgegen.

**Mitgliedsbeiträge Esperanto-Verein Hamburg e.V.**
50 € normale Mitgliedschaft / Personen mit Einkommen
25 € Familienangehörige, Jugendliche, Mitglieder ohne eigenes Einkommen
12 € Kinder und Jugendliche bis 16 Jahre

Wenn sie keine Einzugsermächtigung erteilt haben, überweisen sie den Mitgliedsbeitrag bitte bis zum 28.2.2009 auf das Konto des
*Esperanto-Vereins Hamburg e.V.*
bei der GLS-Bank, BLZ 430 609 47
Konto Nr. 2006 716 500
Datum bitte in ihren Kalender eintragen oder gleich überweisen!

**Mitgliedsbeiträge Deutscher Esperanto - Bund e.V.**
46 € Erwachsene ab 27 Jahre mit eigenem Einkommen
23 € Erwachsene ...ohne eigenes Einkommen
Bitte überweisen sie an: Sozialbank Mainz,
BLZ 550 205 00, Konto Nr. 8603600

Salutas via Gerald Roemer kasisto de HES

Mitgliedsbeiträge und Spenden an HES können in der Einkommensteuererklärung geltend gemacht werden. Soweit die einzelne Zahlung 100 Euro nicht übersteigt, genügt es, den Zahlungsnachweis (abgestempelter Überweisungsbeleg oder Kopie des Kontoauszugs) zusammen mit der nachstehenden Erklärung einzureichen. Aus den Unterlagen muss erkennbar sein, ob es sich um einen Mitgliedsbeitrag oder eine Spende handelt. Bei höheren Beträgen wird Ihnen unaufgefordert eine Spendenbescheinigung zugesandt.

## Bescheinigung über Gemeinnützigkeit

Der Esperanto-Verein Hamburg e.V. ist wegen Förderung des Völkerverständigungsgedankens nach dem letzten uns zugegangenen Freistellungsbescheid des Finanzamtes Hamburg-Nord in Hamburg vom 27.07.2006 unter der Steuernummer 17/420/07983 als gemeinnützigen Zwecken dienend anerkannt und nach Paragraph 5 Abs. 1 Nr. 9 des Körperschaftsteuergesetzes von der Körperschaftsteuer befreit.
Es wird bestätigt, dass die Zuwendung nur zur Förderung des Völkerverständigungsgedankens (im Sinne der Anlage 1 - zu § 48 Abs. 2 Einkommensteuer-Durchführungsverordnung – Abschnitt A Nr. 10 - zuvor Anl. 7 Ziffer 12 Einkommensteuerrichtlinien) und entsprechend der Satzung des Esperanto-Vereins Hamburg e.V. verwendet wird.

Gerald Roemer, Kassenwart

## Nia Terura Enigmo




En Julio 1985 mi publikigis la unuan memfaritan enigmon en HES-informilo.

Sub la titolo „Kial simple, se eblas komplike?“ mi skribis: Averto! Tiu ĉi krucvortenigmo ne estas laŭ la kutima maniero! Ĝi ne taŭgas por komencantoj, eĉ ne por progresintoj, sed nur por spertuloj.
La pensoj devas iri kurbajn vojojn por atingi la solvojn – sed atentu!
Ekzistas miskompreneblaj klarigoj kaj teruraj stultaĵoj!

Benno Klehr


Ellaborita per Tiggysoft Raetsel 3.0

## Nia Terura Enigmo (1.09)

### Horizontale

**1.** Kamarado de Lanti laŭ Hodler. **10.** Sesobla vo Esperante. **13.** Vokalo uzata kiel 20 horizontale. **14.** Financa ostaĝ'. **16.** En Ĉinio kultura heredaĵo, en Germanio restaĵo el malŝatata pasinteco. **17.** Mallonge metalo en bakpulvoro. **18.** Son' de naturfenomeno. **19.** Lok' por faligi ganton (Schiller), supra teraso (Zamenhof). **20.** Absoluta primo. **21.** Oni povas duŝi aŭ sin bani tiel. **23.** Laŭ Zamenhof prafil' de Noa. **24.** Ag' por atingi bonon kaj veron. **25.** Neprofesie atingi kapablon. **26.** Estonteco tion faras. **29.** slip' por ankaŭ mendi Esperanton. **30.** Ne en kreta epoko sed tia civilizo. **33.** Iom tordita „ĝelo" por vitra fotoplato. **36.** En montaro, kvazaŭ en televido: ĉiam ripetoj kaj ripetoj. **37.** Herbo kultivata kiel greno sur magra grundo. **40.** Surfunda, noktazila amiko de Ĉeĥov. **41.** Diferenc' inter lampo kaj lumvermo. **43.** Faras homoj en tri ĉambroj. **44.** Tavolo de gas' sur planedo. **45.** Diurna temp´ antaŭ ol Dio ekparolis.

### Vertikale

**1.** Kelkaj homoj suferas je inflamo de tiu angula funkcio. **2.** person' aktiva. **3.** Tia estas frukto kaj Aŭstra ekzameno. **4.** Homoj el hare konata popolo. **5.** Deltema Eŭropa rivero. **6.** Neces' en holivuda fino. **7.** Nacia Signo de Rakousko. **8.** Ĉu komunismaĉa difino de via? **9.** Ĝi venas el ovo, sed ne estas birdo, nek protagonist' de Ŝekspiro. **10.** Ŝanco kaj danĝero de moderna ekonomio. **11.** Agi kiel kamelo al trueto de kudrilo. (Biblio) **12.** Vere dutranĉa afero. **15.** Du punktoj faras umlaŭton – aŭ ne. **22.** Ĉapo tia politike ne korekta. **23.** Kiu vane laboras (laŭ Zamenhof) tordas ŝnuron el tio. **28.** Cervanta hidalgo kun Rusa river'. **30.** Menhir' kun lito. **31.** Regul' en A4 aŭ E14. **32.** Laŭs' lingve evitinda. **34.** Kontraŭ' esprimata. **35.** Mezopota mi' en ĝi. **38.** Helen' kun K. **39.** Dana fromaĝo, en ekstremaĵ'. **41.** Kun duopo: publika ĝardeno. **42.** Ni vojaĝos tien jarfine; se ... diras la anglo. **43.** Ratura Logaritmo. **BK**

## La lingvo de la Federacia Respubliko estas la Germana

Tiun frazon politikistoj de CDU (kristanoj) volas aldoni al la teksto de la konstitucio. Granda embaraso en la propra partio kaj multaj protestoj de diversaj etnoj sekvis. Ĉu oni volas malpermesi al ili, paroli la gepatran lingvon?
Fakte jam okazis en kelkaj lernejoj, ke oni malpermesis paroli la Turkan. Sed tio havis pedagogian kaŭzon: Infanoj kiuj inter si nur parolas la gepatran lingvon, ofte malsukcesas en ekzamenoj, kiam ili bezonas la Germanan. Ekzistas lernejoj en Germanio en kiuj la plimulto de la lernantoj venas el turkaj familioj. Al multaj Germanoj la fremdaj kulturo, religio kaj lingvo kaŭzas timon. Estas natura fenomeno, timi tion kion oni ne konas.
Ĉu la Turkoj endanĝerigas la germanan lingvon? Ne, tion faras la Germanoj mem:
Kial la flughaveno de Hamburg oficiale nomiĝas ***Airport*** kaj la Havena Administracio estas ***Port Authority***? Kial Germana Fervojo nomas la giĉetojn ***Counter*** kaj la informejo estas ***Service-Point***?
Tiu aldonita frazo en la konstitucio "La lingvo de la Federacia Respubliko estas la Germana" do ne estas kontraŭ aliaj lingvoj sed neatendite por la Germana. Se la oficiala lingvo laŭ la konstitucio estas fiksita, la oficialaj instancoj devas uzi ĝin. Al la Germanoj mankas la konscio pri la propra lingvo. Pro tio ekzistas danĝero por la lingvo.

---

## Nova fervoja metrolinio al la flughaveno

Ek de la 12a de Decembro 2008 la trajnoj de fervoja metrolinio *S1* en stacio *Ohlsdorf* dividiĝas al du direktoj: Unu duono daŭrigas al la Flughaveno en *Fuhlsbüttel* kaj la alia kiel kutime iras al *Poppenbüttel*. La nova stacia konstruaĵo estas bonaspekta, kaj taŭge lokita meze inter la du grandaj haloj de la flughaveno. Ekzistas elirejoj al ambaŭ haloj, ekipitaj per rulŝtuparoj kaj liftoj al la diversaj etaĝoj de la Flughaveno.



Per la nova linio oni atingas la flughavenon de la ĉefa stacio en nur 25 minutoj. Ĉe la ĉefa stacio nun la multekostaj busoj de *Airport-Express* vane atendas klientojn el antaŭaj tempoj.

# NIA PROGRAMO

**Ĵaŭdaj** klubvesperoj: 19.00 h • programo 19.30 h en salono 2
en Kulturladen St. Georg • Alexanderstr. 16 • 22099 Hamburg

## Januaro

**8** *Werner Bormann:*
**GIL** (Gesellschaft für Interlinguistik)
Renkontiĝo en Berlin 28-30.11.2008:
„Esperanto kaj aliaj lingvoj en komparo“

**15** *Frank Merla*:
**Interreto 2.0 kaj Esperanto**

**22** *Dominique Vieira:*
**Brazila Kulturo**

28 Merkredo, 18.30 h
**Estrarkunsido**

**29** *Gerda Rudolph* kaj *Horst Schickschneit:*
**Mielo**
(en Aprilo 2008: Abeloj)

**Solvo de Hamburg-Enigmo:**
Sur la malnova deponejo *Kai-speicherA* nun estas konstruata nova koncertejo ***Elbphilharmonie***. Ĝia impona aspekto estu la nova rekoniga vidindaĵo de Hamburg.



## Februaro

**5** *Erika Dobrzyński:*
**Mia Esperanto-vivo**

**12** **Jarĉefkunveno de Hamburga Esperanto-Societo 19.30 h**

**19** **Esperanto – Pasporto al la tuta mondo**
Tria parto de la kurso por instrui kaj lerni la internacian lingvon.

**26** *Benno Klehr:*
**Terura Enigmo**
Ni komune solvas krucvortenigmon

Freitag, 27. März 2009
20.00 Uhr:

**Der Glomp kommt!**

**Ein Schlagerhimmel voll (Dis-) Harmonie**

Ein öffentliches Konzert im großen Saal des Kulturladens

Eintritt € 5,–
(mit Stichwort „Esperanto“ € 4,–)

## Marto

**5** *Jürgen Wulff:*
**La simpla lingvaĵo de Claude Piron**

**12** **Harema festo**
En la granda teretaĝa salono

**19** *Sylwia Pöhlmann:*
**Bjalistoko**
kun filmo de *Roman Dobrzyński*

**26** *Vesna Staničić-Burchards*:
**Einbürgerungstest – Ŝtataniĝa testo**
Ek de la 1a de septembro 2008 eksterlandanoj devas fari teston kaj lingvan ekzamenon por ŝtataniĝi. Ĉu vi sukcese trapasos nian ekzercon?

27 Vendredo, 20.00 h
**Koncerto** de *Ralph Glomp*
Reduktita enirprezo kun ŝlosilvorto „Esperanto“

## Aprilo

**2** **Ĉina masaĝo kontraŭ diversaj malsanoj**
75minuta ĉina filmo